# AFRIKA REVUO

Forigu la lumon de la mondo, kaj ĉio estos nigra, malbela; en malbelaĵoj dronos la formoj kaj la beleco mortos kun ĝi. Ĝi revekiĝu, kaj ĉio brilos en harmonio, nuancoj kaj koloroj, kaj kiel el la ŝtonoj ŝtalo eligas fajron, kaj kiel kiam la suno tuŝas la objektojn, la malbelaj ombroj diŝiĝas inter briloj de la lumo triumfanta, tiel la amo, pompe ornamante la amatan estaĵon, beligas ĝin per ĉia perfekteco.

*Don José de Elola Gutierez.*


LA SOLA ESPERANTO-GAZETO
APERANTA EN AFRIKO

3-a JARO (Nova Serio) 6-9Nᵒ
JUNIO-SEPTEMBRO 1947

REDAKCIO kaj ADMINISTRACIO de :

# AFRIKA REVUO

**Maroko, Casablanca, 5, rue Savorgnan de Brazza**

Ĉef-redaktoro Irène FINK Administranto Y. LEAL

(Manuskriptoj akceptitaj de la redakcio, fariĝas propraĵo de la revuo. Se oni deziras la resendon de neakceptitaj manuskriptoj, aldonu I int. respondkuponon.

---

PAG-TABELO

La abonkotizo por unu jaro 6 ang. ŝil., 15 internaciaj poŝtaj respondkuponoj, aŭ egalvaloro en aliaj valutoj. La monon se eble, sendu je la nomo de nia ĉef-redaktorino. Francaj samideanoj, kiuj posedas poŝtĉekkonton, pagu je nia poŝtĉekkonto N° 111.75 Rabat (Fink) El landoj el kiuj oni ne povas sendi nek monon, nek respondkuponojn, pagu al ĉef-delegito de U.E.A. en via lando (vidu tabelon kun adresoj en 2-3 N° de A.R. paĝo 30).

---

LIBRO-SERVO de A.R

liveras ĉiujn librojn haveblajn je Esperanto-merkato.

Konsultu niajn libro-listojn en 1-2-3 N°

## ENHAVO

## Junio-Septembro)



---

LA PREZO DE

Vivo de Zamenhof ; Privat 5 ang. ŝil. 100 leterpaperoj kun kovertoj, kun surpreso « Esperanto lingvo internacia 10. pencoj.

La sekvanta numero de A.R. aperos kiel 10 en oktobro kaj estos 20- paĝa.

## PAROLAS LA LEGANTO

...mi ankaŭ deziras esprimi, mian plenan kontenton pro A.R. rilate al ĝia enhavo kaj aspekto ; ĝi estas vere bona, interesa kaj bela gazeto. Pro anonceto, kiun vi bv. aperigi en I-a n° de A.R. mi ricevis ĝis nun dekojn kaj dekojn da skribaĵojn el la tuta mondo, koreге via, *Sten Stolz, Svedujo.*

---

...por mi estas ankaŭ vera plezurego, anonci vin, ke niaj sekcianoj, kiuj aperigis siajn korespondadresojn en A.R., pluvei ricevas leterojn, IPkaj aliajn skribaĵojn el ĉiuj landoj. Tio signifas ke nia Afrika Revuo, jam famiĝis, ĉar ĝi estas ĉie legata kaj ŝatata. Do gratulon al ĝia « animo ».

B.S. Ohana Marrakech.

---

BONVOLU NOTI, KE SEKVANTAJ LIBROJ ESTAS JAM ELĈERPITAJ

a) Brazilo kaj ĝiaj aspektoj
c) Interpopola Konduto
d) Perfido
e) Plena Gramatiko de Kolocsay kaj Waringh
f) Proverbaro Esperanta
g) Kantante Antaŭen
h) Hindo rigardas Svedlandon

# AFRIKA REVUO

**Esperanto-gazeto por ĉiuj**

# IOM PRI LIBRO

Ni, esperantistoj devas nin konsideri feliĉegaj homoj. Vi demandas, kial ? Mi vin respondos tute mallonge : ĉar vi posedas interkomprenigilon kiu estas Esperanto, kaj kiu laŭ la fama frazo de konata Leibnitz : « Kiam internacia artefarita lingvo estos konstruita, nur de homoj dependas esti feliĉaj, ĉar ĝi faciligos ilian vivon ».

Tiun lingvon ellaboris D-ro Zamenhof, donacis ĝin al la homaro, sed la homaro ne estas ankoraŭ feliĉa. Kial ? ĉar ĝi ne akceptis oficiale tiun lingvon, konsekvence, nur malgranda nombro da personoj parolas ĝin.

Por ke la homaro parolu tiun lingvon, kaj t u t a homaro, estas la devo de ĉiu unuopa esperantisto labori, laboregi laŭ ĉiuj siaj fortoj kaj ebloj, por ke ankaŭ aliaj membroj de tiu homaro ellernu la lingvon kaj fariĝu same feliĉaj kiel ni. Ni ja povas facile interrilati kun alilanduloj, dank' al la delegita reto, dank'al anoncoj en la E.-gazetaro, dank' al niaj ĉiujaraj mondaj Kongresoj.

Dum ĉiuj renkontoj inter esperantistoj, ni « ĵuras labori » kantante la faman preĝon, verkitan de nia kara Majstro, sed ĉu vere ni laboras por esperantigi ceteran parton de l'homaro kiu ne scipovas nian lingvon ?

Kaj ĉu renkontiĝante en nia propra societejo kun niaj samlandanoj ni parolas nur Esperante ? Ĉu ni vizitas regule niajn grupojn ? Ĉu ni legas multe nian E.-literaturon ? Niajn E.-gazetojn ? Kaj.... ĉu ni aĉetas tiujn librojn, kiuj estas kun vera peno eldonataj de niaj E.-eldonejoj ? Tamen ekzistas samideanoj, kiuj aĉetas almenaŭ unu libron po jaro. Ni konas iun fervoran samideanon, (kiu apenaŭ gajnas por sin vivteni) kaj kiu regule ĉiumonate aĉetas almenaŭ unu libron, « por subteni la eldoniston », laŭ liaj propraj paroloj.

Ĉu vi scias kiom da laboro, oferemo, kiom da elspezoj estas necesaj por povi aperigi libron aŭ gazeton en Esperantujo ? Libroj ? Ili ofte atendas jarojn sur la breto, antaŭ ol ili estas venditaj, do mi ne parolu jam pri profito, kiun ĝi povas doni en tiaj cirkonstancoj, sed kiun deficiton havas la eldonisto pro ne vendo de necesa kvanto de liaj libroj.

Tamen la eldonistoj kontinuas fari oferojn en la nomo de nia granda idealo, kaj esperas, ke iam venos la tago, kiam ĉiu samideano, aĉetos almenaŭ unu libron por ĉiu E.-festo, por tiamaniere : montri sian solidarecon kun la tuta esperantistaro.

Pripensu tion Kara Leganto, kaj helpu al ni, ĉiuj eldonantoj kaj redaktantoj, per via materiala kaj morala helpo en nia peniga laboro por nia alta idealo.

Se vi ne povas ĉiumonate aĉeti libron, faru tion ĉiu-dumonate, ĉiun sesan monaton, sed aĉetu. Tiamaniere vi faciligos nian tro ŝarĝan laboron, samtempe kreante al vi vian privatan bibliotekon, kiu ju pli impona des pli grandan propagandon faros, en via sempera kontakto kun eventuala « kandidato » fariĝi esperantisto. Krome ni estas certaj, ke aĉetita libro aŭ abonata gazeto, ne restos nur inter viaj manoj, ĝi estos pruntedonita al aliaj, legata, rekomendata kaj tiamaniere la rondo de legantaro multe plivastiĝos.

Mi scias kara leganto, ke vi, legante tiujn vortojn pripensos ilin serioze, kaj certe ne multe kaj ne longe atendante, aĉetos novan libron, kiu ja fariĝos via porĉiama amiko, ĉiam preta servi kaj bone konsili.

Pripensu tiujn vortojn amiko, ĉar temas pri via e s p e r a n t i s t a libro.

Red.

***

Malfeliĉa estas homo, kiu ne scias vivi pro malproksima estonteco.

Klacel F.M.

# VIVO DE MAHOMETO

## LA SENDIDO DE DIO

Mahometo (arablingve Muhammed', t. e. laŭdata) naskiĝis en 570 j., la jaron de elefanto, tiel nomita, ĉar dum ĝi, laŭ la onidiro, kristana etiopa princo, rajdante blankan elefanton, malsukcese militiris kontraŭ Mekko. Mahometo estis filo de Abdallah kaj nepo de Abd el Mutalib, el la Koreiŝa tribo, kiu en tiu tempo estris la urbon Mekko kaj ĝiajn ĉirkaŭaĵojn.

Kelkan tempon post la nakiĝo de Mahometo, lia patro mortis, kaj lasis al sia filo, kiel heredaĵon, nur unu dometon, kvin kamelojn kaj unu sklavon. Fakte, lia avo Abd el Mutalib ruinigis sian familion, oferinte multajn donacojn al la pilgrimantoj, kiuj venis viziti Mekkon.

Amina la patrino de Mahometo, laŭ landa kutimo, konfidis sian filon al beduina nutristino, kaj li estis edukita en la dezerto. Kiam Mahometo estis sesjara, lia patrino mortis, tiam lia avo, Abd el Mutalib zorgis pri li, kiel patro.

Dum sia junaĝo Mahometo estis paŝtisto. Ĉiuj liaj samurbanoj amis kaj estimis lin pro lia saĝo, honesto, seriozeco, kaj bonkonduto. Ili eĉ surnomis lin : « El Amin », t.e. la senartifikulo. Kiam li estis dudekkvar-jara, Hadidja, riĉa vidvino, komisiis lin, konduki siajn kamelajn kavaranojn, kiujn ŝi uzis por sia komerco tra dezerto. Mahometo, tiel bone zorgis pri tio, ke Hadidja eksentis inklinon por li. Post kelka tempo ili edziĝis. Laŭ la araba kutimo, estas edzo, kiu alportas doton, tiel Mahometo, dote donacis al Hadidja dudek kamelojn.

Hadidja estis kvardekjara kaj Mahometo dudekkvinjara, kiam ili edziĝis; malgraŭ tiu granda aĝdiferenco, ilia kunvivo estis tre feliĉa. Pli poste, kiam Mahometo, laŭ la tiea kutimo, havis plurajn edzinojn, unu el ili, la juna Aiŝa, ĵaluzis nur Hadidjan, kiun ŝi moknomis « la sendenta maljunulino ».

En 605 j. la Koreiŝanoj komencis rekonstrui sian templon : « la Kaabo », parte bruligitan kelkajn jarojn antaŭe. Tiu templo konsistas nur el unu granda kubforma ĉambrego, kaj interne el unu muro ; je unu metro kaj duono de tero, estas fiksita sankta antikva relikvo la nigra ŝtono (*verŝajne* aerolito) ; kiun hodiaŭ ĉiuj islamanoj devas tuŝi aŭ kisi, almenaŭ unu fojon en ilia vivo, dum ilia deviga pilgrimo al Mekko.

Do, ĉiuj fervorege partoprenis en la konstruo. Sed kiam oni volis meti la « nigran ŝtonon » sur ĝian lokon, ĉiuj deziris havi la honoron ĝin porti.

Okazis granda tumulto. Ĉiu klano, de la tribo, ne volis cedi antaŭ la aliaj. Ili trempis siajn manojn en vazo kun sango kaj ĵuris morti plivole, ol cedi. Oni haltigis la konstruon kaj kunvokis en la internon de la templo kunvenon, kiu devis trovi rimedon, por malebligi la internan militon tuj okazontan.

Tiam maljuna koreiŝano proponis ke oni prenu kiel arbitraciulon, la unuan enirontom, en la templon. Ĉiuj konsentis kaj ĉies rigardoj turnis sin al la enirejo. Tiam eniris Mahometo, kaj oni elektis lin kiel juĝanton.

Mahometo sternis tere mantelon, metis sur ĝin la nigran ŝtonon, elektis kvar eminentulojn — po unu el kvar klanoj de la tribo, — al kiuj li tenigis unu randon de la mantelo, kaj tiel leviĝis la nigra ŝtono, al la taŭga alto. Tiam li mem prenis kaj metis ĝin sur ĝian lokon. Tiamaniere, ĉiuj estis kontentaj, kaj la koreiŝanoj altestimis Mahometon ankoraŭ pli multe, post tiu okazaĵo.

Nur kvardekjara, Mahometo komencis prediki la novan religion. En tiu tempo judaismo kaj kristanismo iomete disvastiĝis en kelkaj arabaj urboj kaj triboj, sed la plimulto de araboj estis idolanoj. Ĉiu araba tribo havis en Kaaba templo sian apartan idolon, kiun ĝi adoris.

Ofte Mahometo izoliĝis en la dezerto aŭ en sovaĝaj valetoj, kiuj ĉirkaŭas Mekkon, kaj tie li meditis pri la kruda politeismo kaj profunda malmoralo de siaj samtempuloj.

La unuan fojon, je la komenco de 611 j., sur la monto *Hira* apud *Mek-*

*ko*, la anĝelo *Gabriel* nokte aperis al Mahometo, kaj montrante al li folion kun skribaĵoj, dufoje diris al li : « Legu ! » Mahometo, kiu sciis nek legi, nek skribi, respondis « *Mi ne povas* ». Tiam Gabriel legis la jenajn vortojn-kiuj estas la unuaj frazoj de 96-a Korana ĉapitro — : « Legu ! per la nomo de Via Sinjoro, kiu kreis, Kiu kreis la homon el malfluigita sango.

Legu ! ĉar Via Sinjoro estas la plej grandanima,

Li instruis al la homo la uzon de la kano, (kiel plumingo),

Li instruis al la homo, kion ĝi ne sciis ».

Elparolinte tiujn vortojn, la anĝelo *Gabriel* malaperis. Timigite ; Mahometo rifuĝis apud sian edzinon Hadidja. Poste *Gabriel* reaperis duan fojon al Mahometo dirante al li : « Ho ! Mahometo ! Vi estas la profeto de Dio. kaj mi *Gabriel*. « De tiu momento la relevacioj sin sekvadis kaj ĉiam ili temis pri la unueco de Dio kaj la misio de Mahometo.

Mahometo komencis sekrete prediki la novan religion. Li estas la sola inter profetoj, kiu havis la privilegion konverti siajn proksimulojn al siaj ideoj. La unua, kiu kredis al lia misio, estis lia edzino Hadidja. Tial la islamanoj poste nomis ŝin : « La patrino de kredantoj ». Kelkaj aliaj el liaj parencoj kaj intimuloj aliĝis al la nova religio. Sed baldaŭ Dio ordonis al Mahometo, ke li prediku malkaŝe kaj tion li faris. Komence oni ne multe atentis lin, sed poste oni priridis kaj mokis lin, sed li ne malkuraĝiĝis. Li ĉiam iradis predikante pri la unueco de Dio, kaj sekve pri la neniigo de la Kaabaj idoloj. Tiam la popolamaso. kuradis post li, insultante kaj eĉ ĵetante ŝtonojn kontraŭ li. Sed la nombro de novaj adeptoj senĉese kreskadis.

La aliaj idolanaj Koreiŝanoj, komencis timi pri sia estonta komerco. Efektive, la Kaaba enhavis preskaŭ 400 idolojn de ĉiuj arabaj triboj, kiuj ofte vizitis Mekkon, altiritaj de tiuj idoloj, kaj tie interŝanĝis iliajn produktojn. Do, la neniigo de idoloj estus almenaŭ parte, por la Koreiŝa tribo la neniigo de gia riĉo-fonto.

Ili do oferis al Mahometo riĉaĵojn, honorojn, postenojn, por ke li ĉesu siajn predikojn. Li respondis nur tiujn vortojn, famajn inter la islamanoj : « *Se oni metus la sunon dekstren de mi kaj la lunon maldekstren, tiel daŭre ĝis Dio ne malpermesos tion al mi, mi ne rezignos mian decidon.* »

Intertempe en la urbo Jatrib, la komerca konkuranto de Mekko, Mahometo varbis multajn novajn adeptojn, kaj faris kun ili sekretan interligon. Sed Koreiŝanoj *ekscitis* pri tio kaj decidis murdi Mahometon, kiu savis sian vivon nur ekfuĝinte en Jatribon.

Tiu fuĝo (arabe : heĝiro) okazis la 25-an de julio 622 j. ĝi estas la unua tago de HEĜIRO, la islama ero. De tiu la nomo de la urbo *Jatrib*, ŝanĝiĝis, oni nomis ĝin *Medinet*.

Ĝis la HEĜIRO, la Diaj revelacioj estis mallongaj, ardaj, pasiaj kaj poeziaj. Temis ĉiam pri la unueco de Dio, pri la infera punego de idolanoj, pri la paradiza feliĉego de kredantoj. Tio estas la mekkaj ĉapitroj de la Korano.

En *Medino* la revelacioj plilongiĝis. Temas nun pri politikaj, religiaj, ritaj kaj civilaj aferoj. La novan religion, Mahometo nomis : « Islamo » (arabe : rezignacio pri la Dia volo).

Politike kaj militiste, organizis Mahometo Medinon. Kiam li estis certa pri sia fortikaĵo, li predikis la *ĝihadon*, t.e. la sanktan militon kontraŭ la idolanoj, kaj militiris por konkeri la tutan Arabion. Post venkoj kaj malvenkoj, tro multnombraj por esti rakontataj ĉi tie, li sukcesis en sia entrepreno.

Dum la januaro 630 j. li eniris, kiel *estro*, Mekkon.

La 8-an de marto 632 j. en Medino, mortis Mahometo, unu el la plej famaj reformistoj de l'mondo.

Jarcenton poste, la islamanoj estis konkerintaj grandan parton de l'terglobo.

Hodiaŭ, ISLAMO estas eble la sola religio, kies nombro de adeptoj, kreskas senĉese, tra la tuta mondo.

Prof. L. A.

# SCIENCO EN LA ŜANĜITA MONDO

Se estas vere, ke Europo travivas spiritan krizon kaj ke nur tre bone pripensita streĉo povas savi ĝin de la alie ne-evitebla ruino, tiam ankaŭ scienco devas ludi sian parton.

La beno, kiu elkreskis en la supro de scienca progreso estis preskaŭ super-regita per siaj kontraŭuloj. Modernaj inventoj ebligis al sennombraj homoj derivi la bonfarton de varoj, kiuj restus alie ekster ilia atingebleco. Samtempe ili senlaborigis milionojn da homoj, eksceses komplikis la tutan enhavon de la vivo, kaj malaltigis la spiritan senton de homo. Naturaj kaj veraj normoj de vivo donis lokon al falsaj.

Ĉiu periodo en homa historio havis sian mision kaj specialan signifon. Kelkaj el ĉi-tiuj periodoj estis unue dediĉitaj al esploro kaj studo, ĝuste kiel aliaj koncentriĝis je la sociaj, bezonoj de la homoj au ilia religia impulso.

En la tagoj kiam homo estis ĉefe okupita per la konkero de la materiaj mondoj, scienco devis koncentriĝi ekskluzive je ĉi-tiuj mondoj. La eblaj rezultoj de ĝiaj esploroj ne povas esti ĝia afero.

Hodiaŭ la situacio estas malsama. La surloĝata mondo fariĝas kreskende unu interdependa organismo. Ne pli longe povas la scienca kaj la socia, politika kaj ekonomia korporacioj konduki sendependajn ekzistojn. Ĉiu el ili havas siajn respondecojn kontraŭ ĉiuj aliaj. Scienco, kvankam staranta ankoraŭ antaŭ ne-solvitaj problemoj, ne plu estas pioniro en la fruaj stadioj de eltrovo.

Tra la tuta 19-a kaj la unuaj jaroj de ĉi-tiu jarcento scienco identiĝis kun materialismo. Paroli pri la mondo de scienco estis paroli pri la fizika universo. Vivo interne de ĉi-tiu universo estis rigardata kiel konglomeraĵo de fizikaj kaj kemiaj procesoj. Intelekto, asistata de fizikaj instrumentoj, estis sufiĉa por esplori kaj klarigi ĉiujn tiajn procesojn.

Estas nur dum nia propra vivtempo, ke scienco ekkomencis konfesi pri la la ekzisto de fortoj neklarigeblaj per intelekto. Por ekkomenci, materio estis detronigita por doni lokon al energioj. Energioj, laŭvice, estis anstataŭitaj per vibraj ondoj kaj misteriaj kampoj de magneta aktiveco, ĉitiuj, kvankam ĝis ia grado mezureblaj per fizika aparato, ne povas pli longe esti enkorpigataj en niajn antaŭajn konceptojn de materio kaj meĥaniko. « En elektronoj, ondgrupoj kaj gradecoj de ago », diras la aŭtoro de modela verko pri moderna scienco, « ni atingas ideojn, kiuj certe ne estas meĥanikaj » (1). Dum la proksimume 10 lastaj jaroj la transcenda ekkomencis aperi super la horizonto de scienco. Ideoj, kiuj iam estis priridataj de ĉiu serioza scienca kunveno maltrankviligas multajn el la modernaj sciencistoj.

La teorio de relativeco de Einstein estis la loĝika kaj grava paŝo, kiu kondukis de la pure materialista al malpli limigita koncepto en scienco. Materio kaj ĝiaj du kunuloj en la scienca triumvirato, spaco kaj tempo, ne povas esti rigardataj pli longe kiel absolutaj. La nova evangelio de Relativeco detruis ilian antaŭan diktatoran regadon.

Estis apenaŭ hazarde, ke la teorio de Einstein, unu et la plej malbone komprenataj sciencaj eltrovoj de ĉiuj tempoj, esprimebla nur tra la pli alta matematiko kaj komprenata per ne pli ol areto da sciencistoj, devis estiĝi novaĵo sur la frontpaĝo. Gi ekscitis milionoj da homoj, kiuj preskaŭ komprenis pri ĝi, kaj ĝia aŭtoro fariĝis unu el la plej famaj viroj en la mondo.

Kvankam la homoj ne komprenas la plenan signifon de la Einstein'a eltrovo ili nebulece sentis, ke ĝi malfermis la fenestron en la mondon pli mal-

---

(1) History of Science (Historio de Scienco) de W.C.D. Dampier-Whetham (Sir William Cecil Dampier) p. 492. (Cambridge University Press, 1930).

proksimen ol tiu limigita dum tiel longa tempo per la malvastaj kadroj de materialista scienco.

La aŭtaŭaj sciencaj teorioj malgrandigis la mondon kaj malinspirigis la vivon. La bilionoj da miloj de jaroj, kiujn la sciencisto donis al ni estis mizera kompenso por la limiteco, kiun ĉiuj mezureblaj estaĵoj ŝarĝis je nia imagiteco. La ennaska sopirego por la senlima kaj por la senmorteco ne trovis kontentecon en la limigita universo de scienco. Homo, kiel bildigita per scienco, estis mikrobo pli kredebla ol anĝelo. Lia vivo estis ĥemia proceso interne en botelo kaj ne la plej supra flugo al kiu devas rajtigi lin la dia sparko interne de li. En la mondo regata per tiuj limigoj ne estis loko por senmorteco, eĉ ne por vera grandeco. Grandeco, kiu povas esti mezurata kaj klarigata kiel atomaj sanĝoj ne estas la speco de kvalito, kiu levas homon super lin kaj ekzorcas tion, kio estas dia en li. Homo, kiel elpensita per scienco, estis komparebla al geniulo kiel vidita per sia servisto. Estas io tro malkuraĝiga pri tia vidpunkto. Sendube ĉi-tiu pli triviala aspekto de homo ne ekzistas. Sed ĝi ne estas ĉio-inkluziva.

La eltrovo de Einstein estis la unua moderna atako je la vero, kiu naskigis tiajn limigitajn konceptojn. Ĉar, kiel povas scienco pretendi limitecon por siaj metodoj kaj eltrovoj, se nek spaco nek tempo, havas absolutan validecon ?

La famo de Einstein estas ne nur famo de granda sciencisto, sed de viro, kiu, per la rompo de la barieroj, donis al homo freŝan esperon. Ne estis nur prudento, kiu devigis la mondon admiri Einstein'on-estis ankaŭ intuicio.

Sed eĉ pli ol komencon Einstein reprezentas finon. Malmultaj sciencaj teorioj alportis specialan epokon en scienco tiel emfaze al la fino, kiel relativeco faris.

Neniu alia scienca teorio estas pli komplete forpuŝita de la personeco de homo. Relativeco « objektivigis » sciencon ĝis grado, kiu ebligis esprimi la tutan universon per la matematiko kaj kunpremi ĝin en kvar dimensiojn. Tamen la universo enhavas ankaŭ vivon. Kaj post-Einstein'a scienco demonstras jam, ke la universo ne povas esti esprimata ekskluzive tra kvar dimensioj.

La abstraktigo kaj separigo de la universo de homo komenciĝas kun Newton. Ĝi atingis sian kulminacian punkton kun Einstein. Lia koncepto pri universo ne povas esti pli longe esprimata en simpla lingvo nek komprenata de ordinara cerbo. Ĝi estas entute ne-homa. Nur matematika formulola kvintesenco de abstrakta pensado-povas esprimi tion.

Kiel senspirita scienco Relativeco estas la logika, fina paŝo laŭlonge de la vojo al kompleta senhumanigo de scienco. En relativeco ne ekzistas iu ajn interligaĵo inter la universo kaj homo. Sed ne estas eble antaŭeniri laŭlonge de ĉi-tiu vojo iom pluen. Vi ne povas evoluigi abstraktigon trans la limojn de matematika formulo.

Kio evoluiĝis post Einstein devis simple esti bazata ne sur tiuj sekvoj de lia teorio, kiu faris de ĝi la pinton de la pli malnovaj sciencaj konceptoj, sed nur tiuj, kiuj montris al io tute nova. Ne la kvar dimensioj estas la elirpunkto de novaj sciencaj klopodoj, sed la ideo de la relativeco de ĉiuj antaŭaj konceptoj en scienco.

De Einstein'a atako kontraŭ la absoluteco de sciencaj valoroj-valoroj ĉirkaŭskribitaj per intelekto kaj materio-ne estis malproksime al konfeso de la realeco de spirito aŭ, ĉiuokaze, de ties ebleco. Viroj kiel Jeans kaj Eddington, por mencii nur kelkajn de la plej bone konataj, estis sufiĉe kuraĝaj por fari la decidan paŝon. Preskaŭ ne-konsciante ĉi-tiujn tutgravajn sekvojn, scienco troviĝas sur tiu flanko, kiu rekonas la universon kiel spiritan unuecon. Kaj per la vera naturo de ĉi-tiu sinteno, scienco konfesas, ke ĝi partoprenas en la spirita revolucio, kiu afektas modernan vivon ĝenerale.

D-ro A. Mildwurf, Londono.

# INTERNA IDEO kaj NEŬTRALECO

(ekstrakto el artikolo de I. L. el Pola Esperantisto)

Tiom multe estas parolate kaj skribate pri la Interna Ideo kaj la neŭtraleco de la esperantismo, ke estus utile foje fari la klopodon tute klare difini ambaŭ konceptojn. Kio fakte estas la t.n. neŭtraleco, en kiuj kadroj ĝi efektiviĝas, per kio ĝi manifestiĝas kaj kiajn limojn ĝi havas ? Jen estas demandoj, kiuj devas logike okupi la menson de ĉiu konscia esperantisto.

Teorie ambaŭ tiuj konceptoj kompletigas sin reciproke kaj praktike, kune ili fandiĝas nedisigeble. Ni ne povas apartigi la internan ideon de neŭtraleco kaj inverse. Kiam esperantistoj relatigas sin al la interna ideo, ili necese aludas al la neŭtraleco, kaj kiam ili akceptas sian neŭtralecon, ili faras tion en nomo de la Interna Ideo, kiu emanas tiun neŭtralecon. Sed ne ekzistas klareco en la tuta afero, kaj mi timas, ke eĉ malnovaj pioniroj ruĝiĝus, se oni abrupte demandus ilin pri la ideologio de la Interna Ideo kaj la neŭtraleco de la esperanstismo.

Laŭ la Bulonja deklaracio estas senkolora movado, celanta la disvastigadon de lingvo internacia. Io simila ekz-estas la fabrikoj de Philips ; kiu celas la disvastigadon de siaj artikloj, tute egale por kiu celo oni uzas ilin. Aliflanke esperantismon akompanas iu nedifinita profunda, kaj sincera idealismo, fontanta el la amoplenaj koroj de la Majstro kaj liaj unuaj disĉiploj. Kvankam ne oficiala, tiu idealismo konservis en nia movado karakteron integralan.

En tri ĉefaj rilatoj esprimiĝas la tiel nomata neŭtraleco ; en rilatoj de religio, nacieco kaj politiko. Deklari, ke esperantisto povas fariĝi ĉiu homo sen diferenco pri tio, al kiu religio, nacieco aŭ politiko li apartenas, estas tiel absurde, kiel senutile : kiu volas lerni Esperanton, neniun demandas pri rajtigo. Sekve la tiel, nomata neŭtraleco devas esprimiĝi en la maniero, laŭ kiu la oficiala esperantismo fiksas sian *sintenon* al la problemoj de religio, necieco kaj politiko. Tio simple signifas, ke esperantisto oficiale ne rajtas trudi al la alia siajn konvinkojn religiajn, naciecajn aŭ politikajn.

Ne forgesante, ke la neŭtraleco fontas el profunda kaj sincera idealismo t. n. Interna Ideo, ni devas plue konkludi, ni devas konkludi, ke tiu idealismo povas esti pozitiva kaj negativa. Se ĝi baziĝas sur la interna ideo, ĝi necese fariĝas pozitiva ĉar ideo esenca estas pozitiva en si mem kaj konkreta : ĝi devas havi sian formon kaj karakteron, ĝi estas tia kaj ne alia, ĝi havas siajn kontrastojn kaj kontraŭajojn. Kio ne kongruas kun tiu Ideo, estas simple kontraŭ ĝi. Sekve la esperantismo konforme al la spirito de la Interna Ideo, povas esti neŭtrala rilate al problemoj de tiaj movadoj, kies ideologio estas simila al tiu de la esperantismo aŭ almenaŭ ne kontraŭas ĝin. Ne dezirante sian junan mavadon ligi per difinitaj dogmoj, nia Majstro saĝe lasis al ĝi sian ĉarman elastecon kaj liberecon, por ke ĝi trankvile kaj senskue kapablu alpreni ĉion belan kaj altan, kion eltenas aliaj kulturmovadoj. Kiel dirite li stampis nian movadon per profunda *idealismo-kaj* idealismo signifas amon aŭ almenaŭ toleradon al ĉio, kio estas bona kaj utila kaj kontraŭbataladon al ĉio, kio estas malbona, malutila kaj malbela por la homaro kaj kulturo.

Nur tiel konkludante ni povas kompreni, kial la Majstro, mem estante tiutempe rusa civitano, kuraĝis en la jaro 1906 dum kongreso en Genevo kondamni plej energie la demonan caran politikon, kaj pli poste en Londona Guildhall per akraj sed belaj vortoj malbeni la ŝovinismon. Jen lia neŭtraleco estis pozitiva li ne elturniĝis per falsa preteksto pri neŭtraleco vidante la maljustegan politikon de la carato, kiu suferigis milionojn en la vastega Rusujo. Li sciis laŭte kaj malkaŝe protesti kontraŭ tiu barbareco, kaj per tio ankoraŭ pli glorigis sian grandan idealistan nomon.

Post la morto de la Majstro, la koncepto pri neŭtraleco, aĉe kripliĝis. Ĝi alprenis negativan karakteron, kaj per tio kompreneble perdas ĉian kontakton kun la alta Interna Ideo. Ne ekzistas demando, kiel ni tenu nin rilate

diversajn politikajn, religiajn aŭ naciecajn problemojn. Tute simple ni havas nenian sintenon rilate al tiuj aferoj. La esperantismo malaperis, restis nur Esparanto.

Se oni ekzemple demandus nuntempan esperantiston, kion li opinias pri la persekutado kaj subpremado kontraŭ negroj, li verŝajne respondus al vi : en aferoj de raso, mi kiel esperantisto estas *neŭtrala*, en sekve mi ne protestas kontraŭ tiu kruela barbarajo. Sed mi estas certa, ke la Majstro sendube estus havinta alian opinion pri tio. Ĉu li ne diris ke kun tia Esperanto, kiu servas ekskluzive al la celoj de komerca utileco, ni volas havi nenion komunan !... ? Kaj mi kredas, ke li estus volinta havi nenion komunan ankaŭ kun tiu blankrasa esperantisto, subpremanta la negrojn.

Mankas, verdire, klara difino de la Interna Ideo kaj sfero de nia neŭtraleco, ĉar ilia amplekso estus tro vasta, sed ekzistas tute klara difino negativa pli malpli tia : ĉio, kio estas kontraŭ tuthomara kulturo kaj subpremas niajn plej primitivajn rajtojn homecajn, estas per si mem kontraŭ la esperantismo ! Ĉu la esperantismo povas resti neŭtrala rilate al banditismo ? Ne ! Ĉu rilate al kontraŭ religiaj persekutadoj ? Ne ! Ĉu rilate al kontraŭrasa politiko ? Ne ! Kial ? Simple tial ; ĉar barbareco estas la antitezo de homeco, sekve ankaŭ la antitezo de la Interna Ideo kaj de la esperantismo ĝenerale.

Principe la esperantistaro ne rajtas miksi sin en aferojn de politiko (se politiko ni nomas la manieron de regado, la reĝimon, sed ne la metodojn emaniĝantajn el tiu reĝimo). Sekve la oficiala esperantismo ne rajtas kondamni la faŝismon, nek la komunismon. Sed mi pensas, ke la oficiala Esperanto movado grave pekis kiam antaŭ jaroj okazis barbara persekutado kontraŭreligia en Rusujo. Homoj, kiuj kantas la Zamenhofan himnon, devas havi la kuraĝon protesti kontraŭ barbarajoj. Ni ja ne estas butiko, kiu vendas sole Esperanton. En nia tendaro oni aŭdas ja ofte altajn devisojn. Kiamaniere ni realigas aŭ penas realigi ilin ? Bedaŭrinde ili estas nur frazoj.

Kio koncernas politikon mi devas mencii, ke ĉio, kio en la nuna vivo okazas, havas sian netan politikan aŭ socian karakteron, kaj se oni volus elimini ĝin, ni simple troviĝus sen reala bazo. Se politiko estas barbara, ni kontraŭbatalos ĝin, ĉar ni *ne* povas, ja ne rajtas uzi ridindan pretekston de neŭtraleco. Samideano persekutanta negrojn ekz. povas havi nenion komunan kun mi, idea esperantisto.

Antaŭ la milito 1914 -18, esperantismo travivis sian plej brilan epokon, ĝuste tiam, kiam esperantismo estis konsiderata kiel idea kulturmovado. Vera kulturhomo nur ignoros nin, se ni niavice ne ignoros barbaran agadon.

La Interna Ideo volas kunigi la popolojn en « unu grandan rondon familian », ĝi volas rompi la rasajn antaŭjuĝojn, ĝi celas pacon kaj konkordon inter gentoj kaj religioj. Kaj esperantisto, kiu, tiujn devizojn ne povas digesti, pardonu milfoje — ne rajtas kanti la Zamenhofan himnon, se li volas esti sincera.

---

## E.-MOVADO en GERMANUJO

Pli ol 100 reprezentantoj de E.-movado en la Brita, Usona k. Franca Zonoj de Germanujo, kunvenintaj en Frankfurt/Main la 12-an de aprilo 1947, decidis unuanime la restarigon de GERMANA ESPERANTO-ASOCIO (G.E.A.), kiu formos la kolektivon de la anoj de ĉiuj por-kaj per-Esperantistaj Organizacioj kaj de unuopaj geanoj en la germana teritorio. Ĝi havos sian oficialan sidejon en Munheno. Kiel 1-a Prez. estas elektita D-ro Siegfried Ziegler, kiel la sekretario la subskribinto.

La Asocio akcelas apud la ĝenerala enkonduko de Esperanto la disvastigon kaj firmigadon de la Pacifista Ideo kaj sentas sin per tio en plena samideaneco kaj harmonio kun la ĉiuspecaj E.-istaj Organizacioj en aliaj landoj.

Ŝajnas alnvi grave, akcenti, ke inter la estraranoj troviĝas tri personoj, kiuj kiel viktimoj de la Nacisocialista reĝimo travivis multajn jarojn en koncentrejoj kaj ke inter la membraro, estas granda amaso da famekonataj aktivaj rezistintoj kontraŭ la abomeninda sistemo.

La unua LANDA KONGRESO okazos dum Pentekosto (16-17-an de majo) 1948 en Munheno. (Siegler).

GERMANA ESPERANTO-ASOCIO

# HISTORIAJ ŜANĜOJ EN POLUJO

de I. Dratwer

« La lasta milito naskis novan Pollandon. Tiu ĉi lando estas diferenca de tio, kio Ĝi estis antaŭ la milito. Nun — en la novaj kadroj fariĝas politikaj, ekonomiaj, sociaj ŝanĝoj kun tre gravaj postsekvoj.

Antaŭ la milito Polujon malfortigis ĝia rilato kontraŭ la naciaj malplimultoj. Krome Polujo estis terkultura lando kun superanta granda terposedaĵo, apartenanta al grandbienuloj. Mizero de pola vilaĝano senigita de tero estis plua malhelpo sur la vojo al demokratio. Fine — Polujo malgraŭ fiera sinteno ne estis ekonomie sendependa. Parto de industrio kaj transporto troviĝis sub kontrolo de fremda kapitalo, kiu tiamaniere influis politike la polan registaron.

Senkompromisema provo de la milito pruvis tiujn malfortajn flankojn kaj dum suferado montris vojon por organizi novan, demokratan Pollandon.

Nun en Pollando ne ekzistas la problemo de naciaj malplimultoj. La terreformo kaj naciigo de la industrio forigis, la barojn, starintajn sur lavo de disvolviĝo de demokratio.

Fine tria decida ŝanĝo, kiu ŝanĝas la politikan vizaĝon de Polujo estas akiro de sendependeco rilate al fremdaj ŝtatoj.

Nun Anglujo, Usono kaj Francujo ne povas jam influi la polan registaron tiel, kiel ili agis antaŭe. Tio estas tre videbla. Ne signifas tio tute, ke la pola registaro volas limigi siajn rilatojn kun eksterlando. Male, Polujo volas disvolvi siajn komercrilatojn kun ĉiuj landoj. Ĝi volas akiri normalajn kreditojn, obligantajn al Ĝi pligrandigi la varinterŝanĝon. Sed Polujo ne konsentos por ke la kreditkondiĉoj kuntiru perdon de Ĝia sendependeco.

La tuta sendependeco de Polujo de ĉiuj kapitalismaj ŝtatoj estas fakto videbla kaj vaste agnoskita. Sed ofte oni povas renkontiĝi kun la opinio, ke Polujo pasis sub sovetan kontrolon. Ĝi estas tre grava rimarko kaj oni devas ĝin pli detale esplori.

Unio de Sovetaj Respublikoj multe helpis al Pollando dum la milito.

Ne signifas tute, ke la Unio de Sovetaj Respublikoj provis en io ajn limigi sendependecon de Polujo. Tute male oni povas konstati, ke Unio de Sovetrespublikoj faris ĉion por fari Polujon mastrino de sia propra sorto kaj doni al Ĝi la eblecojn de la disvolviĝo konforme al ĝia nacia spirito.

Unio de Sovetaj Respublikoj per io ajn ne minacas al la sendependeco de Pollando. Ĝi postulas de Polujo nur solan, por ke ĝi ne estu faŝista lando, por ke ĝi ne estu elirloko por la eventuala koalicio de kontraŭsovetaj fortoj.

Analizante la internan situacion de Polujo ni menciu, ke ankoraŭ en jaro 1945 malamikoj de demokratio en Polujo estis tre danĝeraj, sed nun ili rapide estas likvidiĝontaj.

Tio okazas ne dank' al perfortia agado de la registraro, sed dank'al ĉiam kreskanta malŝato de la loĝantaro kontraŭ teroristaj bandoj kaj dank' al tio, ke la opozicio ne sukcesis prezenti iun ajn « pozitivan programon. »

---

Ĉefurbo de Malsupra Silezio Wroclaw / Breslaŭ / kalkulas nun 206 mil loĝantojn, el kio pola loĝantaro superas 190 mil.

---

La 11-an de majo okazis en Varsovio solena malfermo de Ekspozicio, titolita « Industrio de Teroj Reakiritaj ». La vizitantoj profitas de 66 % fervoja rabato dum la reveno. Ni invitas gesamideanojn el proksimaj landoj viziti Varsovion kaj tiun ĉi ekspozicion.

# AHMED LA SAĜULO

de L. Thévenin

Ahmed ben Salah estis foririnta tiun matenon de sia vilaĝo Kasba-Tadla al Kenifra, ĝuste sur la bordo de rivero El Rbja, kiu eniras la Atlantikan oceanon en Mazagan.

La suno estis bele brila, kaj nia vojaĝanto marŝis tre rapide ĉar li senpacience deziris alveni Kenifraon. Portante sur siaj ŝultroj belegan Zajanan tapiŝon, fiere kaj gaje li marŝis. Oni vidis sur la vojo lian ruĝan ĉapon, kiu sekvas la balancadon de lia korpo. Sed kion faros Ahmed kun tiu bela Zajana tapiŝo, kiun la eŭropanoj pagus tiom kare ? Kion li faras sur tiu vojo, matene je la sunleviĝo ? Rivero Er Rbja ŝajnis demandi tion kaj oni trebone aŭdis la bruon de la akvo, kiu murmuras « Kien vi iras ? kien vi iras tiel frumatene, vi tiel mallaborema kutime ? » Sed Ahmed ŝajnis surda kaj li ĉiam daŭrigis la marŝadon al sia celo.

Subite, luksa veturilo haltis, kaj eŭropano eliĝis demandante « Kiom vi volas vendi vian tapiŝon ? » « Mia Zajana tapiŝo ne estas vendebla ». La eŭropano eligis el sia monujo, kelkajn valorajn monbiletojn kaj tente komprenigis : « Nu, via tapiŝo estas tiel bela, ke mi donos al vi, ĉiujn tiujn monbiletojn, se vi volas forvendi ĝin per tiu ĉi mono, vi estos riĉa kaj feliĉa dum tre longa tempo ».

Ahmed, kiun vere nenio povis ŝanceli en sia decido, kontentiĝis respondi duan fojon : « Mia tapiŝo ne estas vendebla » ; ĝi ne havas prezon ». — Li malproksimiĝis kaj la mirigita eŭropano vidis lin daŭrigi sian marŝadon eĉ ne rigardinte la monon, kiun oni proponis al li.

Baldaŭ Ahmed Salah alvenis Kenifraon kaj rapidante eniri la moskeon, metis sian tapiŝon sur la grundon kaj kliniĝante diris

« Allah, mi oferas al Ci, tiun ĉi tapiŝon, kiun miaj manoj modeste faris, ĉar Ci sola konas la prezon de la homa penado kaj scias, ke se ĉiuj homoj laborus por servi al Ci, kiel mi jus faris tion, ili ĉiuj estus saĝuloj kaj feliĉuloj. Ili serĉadus nek oron, nek juvelojn, nek honortitolojn, kaŭzoj de ĉiuj malbonaĵoj.

Ho, Allah, akceptu ĉi tiun donacon kaj konservu la ĝojon en mia koro !

---

# RAPORTO

de S-ro Georges, prof. en la « Normala Lernejo » (porinstruita seminario) de Bensançon vic-prezidanto de studrondo por Nova Edukado en tiu urbo).

### GENERALAĴOJ

Mi intencas prezenti tiun ĉi aferon speciale antaŭ la 11-a komisiono (Internaciaj rilatoj) ; sed la dua parto de tiu ĉi raporto evidentigas, ke ankaŭ aliaj Komisionoj povus utile ĝin ekzameni. Kaj ĉiu ano de la Kongreso havas pli malpli urĝajn motivojn por individue interesiĝi pri la afero de helplingvo internacia.

La embaraso, kaŭzata de la diverseco de lingvoj, klare aperas en nia Kongreso mem, malgraŭ ĝia konvena dulingveco. Kiom inter ni, ne konante sufiĉe bone unu aŭ la alian lingvon uzatan, ne kapablas esprimi ideojn, el kiuj ni ĉiuj tamen profitus ? Kaj kiom da pedagogoj, malgraŭ sia deziro partopreni la kongreson devis sin fordeteni, ĉar ili konsciis pri sia malsupereco, pro la sama kialo.

Tie estas la grava manko de niaj internaciaj kunvenoj. Cu vi scias, ke s-ino Roosevelt, ĉeestinte kelkajn kunvenojn de O.N.U. deklaris, ke la lingvaj baroj estas plej granda malhelpo okazigantaj multspecajn malagrablaĵojn ?

Nu, la Esperantistoj diras al vi, ke tiu malbono pli kaj pli obstruanta, eĉ dangeroplena, estas kvazaŭ fantazia malbono. Ĉiu el ili volonte rediras la vortojn de s-ro Meillet, la lerta filologo, iama profesoro en « Collège de France » : « ĉia disputado teoria jam senutilas : Esperanto funkcias ».

Ni nur devas pruvi, antaŭ objektiva sed neinformita aŭdantaro, ke tiu ĉi lingvo estas kapabla kontentigi ĉiujn bezonojn de esprimo en la moderna vivo. Estu al mi permesate, tion klarigi antaŭ la kongresanaro.

Mi esperas klare vidigi, ke antaŭjuĝoj ankoraŭ staras kontraŭ la tiom dezirinda uzado de Esperanto, kaj ke venis jam la taŭga tempo, por ilin formovi.

« Internacia Esperanto-Ligo » ĉu rekte, ĉu pere de l'naciaj societoj, informos vin eventuale pri la nuna stato de la Esperantista Movado en la diversaj landoj. Cetere ni mem povos precizigi multajn punktojn laŭ via deziro.

En Francujo, la esperantistaj instruistoj bazas siajn klopodojn sur oficiala teksto gravsignifa. Cirkulero de Ministro de l'Nacia Edukado al la Akademiaj Rektoroj de 11.10.1938 :

« Oni plurfoje turnis mian atenton al la profito, kiun jam donas kaj donos eĉ plimulte en la estonteco la kono de Esperanto, helpa lingvo, kapabla plifaciligi la rilatojn tiel inter la intelektuloj, kiel inter la komercistoj kaj diversaj teknikistoj de la diversaj nacioj.

« Mi havas la honoron konigi al vi, ke al mi ŝajnas dezirinde faciligi la disvastiĝon de la esperantistaj studoj ».

La sekvanta projekto, taŭga por la tuta Francujo, sed okaze valora por ĉiuj *kongresanoj*, apogas sin sur tiu oficiala akcepto de la lingvo kaj sur la tuta, faktaro, kiu ĝin instigis.

## TUJAJ REALIGOJ

(Aplikado de la Cirkulero Ministeria de la dek unua de oktobro 1938)

I. La unuagradaj Institutoj rajtu instrui la elementoj de Esperanto :

II. La studo de Esperanto estu rekomendata en la Duagradaj Lernejoj kiel helpilo al la disvastiĝo de Junularaj movadoj : Skoltismo, Junulargastejoj, Kampado Lernejaj fakoj de Turistklubo ktp.

III. ORIENTADO. La instruado de Esperanto estu rekomendata kiel rimedo por pli rapide evidentigi la naturajn kapablojn por la lernado de fremdaj lingvoj.

Oni petu de la profesoroj de fremdaj lingvoj, kiam ili estas Esperantistoj, ke ili faru, je la komenco de la studoj, inician kurson, cele al selektado de lernantoj (pli speciale en la novaj « sesaj klasoj »). Neesperantista profesoro de lingvoj rajtos alpreni la kunlaboradon de loka Esperantisto, preferinde ano de l'Instruistaro, por efektivigi tian selektadon. Li ĉeestus eventuale la esperantan kurson.

IV. FORMADO de INSTRUISTOJ. Cele al la rapida formado de Esperantlingvanoj kapablaj instrui la lingvon.

a) La instruado de Esperanto estu rekomandata en la « Normalaj Lernejoj »). Esperanto estu akceptita tuj, kiel lingvo elektebla, same kiel la aliaj vivantaj lingvoj, en preparado de la ekzameno « Baccalauréat » por tiuj lernantoj. Instruistoj, kiuj ne povis serioze studi alian, antaŭ ol eniri la N.L.

La instruado de Esperanto estu permesata en la Komplementaj Unuagradaj Lernejoj. Jen estas ebla bona solvo de problemo, kiu aspektis nesolvebla.

Estu rekomendataj al la Instruistaro la Esperantistaj Kursoj gvidataj de la lokaj grupanoj.

KONKLUDO. Temas fakte pri la ĝeneraligado de la oficiala « Provo de Besançon kaj pri la aplikado de Cirkulero Ministeria. Nenia tempoperdo jam estas pravigebla. La raporto de Rektoro Pariselle al Ministerio pri la provo de E. estis tiel favorema, ke la konsekvencoj sekvis senprokraste. Ili nepre devas disvolviĝi.

(Sendis : A. J. Bayard).

# ONI MALFERMAS LERNEJOJN por MAROKANOJ

de R. Janon, elfrancigis I. F.

**INTER REZIDENTEJO kaj MAROKANOJ ekzistas konkurso : KIU PLIRAPIDE KONSTRUOS LERNEJOJN POR MAROKAJ INFANOJ.**

Treege ofte lastatempe oni aŭdas pri malfermo de nova lernejo en Maroko por indiĝenoj. Estas aŭ la sultano mem, aŭ princino Lalla Aiŝa, aŭ princo Mulaj Hasan aŭ tiu aŭ alia grava indiĝena personajo aŭ ĉefo de iu naciista maroka partio, kiu prezidas la inaŭguron de lernejo en Fes, Rabat, Casablanca, aŭ Marrakech, lernejo, kiu prenis nomon « libera islama ». En tia okazo oni faras spektaklajn ceremoniojn, kun partopreno de indiĝenaj *skaŭtoj*, estas elparolataj poemoj je gloro de dinastiaj geprincoj, kaj paroladoj pri emancipado de junaj marokaninoj per duobla instruado : tradicia kaj moderna. En tiuj lernejoj, oni ne plus kontentiĝas instrui Koranon, oni instruas ankaŭ skribadon, kalkuladon, historion kaj geografion.

LERNEJOJ-France-islamaj.

Dume, administracio de Protektorato, multnombrigas oficialajn lernejojn France-islamajn, kreante lernejojn en plej malproksimaj partoj de la lando, en vilaĝoj kaj urboj. Kaj eble pro ne sufiĉa budĝeto, la administracio faris alvokon al bonvolaj geinstruistoj amatoraj, por krei kaj gvidi multegon da elementaj klasoj.

Oni faras tiom multe da streĉo, ke lastatempe oni kreis' sescenton da tiaj lernejoj, kiujn vizitas 40.000 da indiĝenaj infanoj : knaboj kaj knabinoj. Do, tio okazas kiel estus organizita konkurso, inter franca protektorato kaj maroka nacio : kiu malfermos pli multe da lernejoj en plej mallonga tempo.

La konkura fervoro tiel persistega estas subtenata de *naciistoj*.

Ĉar marokaj *naciistoj*, kiel oni scias, deziras vidi Marokon iun tagon administrata de Marokanoj, kiel okazas en Egiptujo, kie principe administras Egiptoj.

La instrua situacio estas ilia plej granda objekto de polemiko kontraŭ Protektorato.

Aperas eĉ unu numero de gazeto « EL ALAM » aŭ « Jeune Magrébin » kiu ne priparolus tiun « batal-ĉevalon » : analfabetismo.

La naciistoj riproĉas al la administracio, ke ĝi ne malfermis ĝis nun proporcie 60.000 da lernejoj por 1 miliono da indiĝenaj infanoj.

La administracio povis akcepti en 1946 jaro 15.000 da marokanaj infanoj pli, ol en 1945 jaro. Dume en 1920 jaro, vizitis lernejon nur 3.400 da infanoj, hodiaŭ oni kalkulas ĉirkaŭ 55.000 da geknaboj, kiu vizitas lernejojn de « nobelaj filoj », urbaj, vilaĝaj, kaj metiistaj por islamanoj.

En tiu lando, kie ekzistas tiom da kategorioj sociaj, lando, kiu estas et nika ŝaktabulo, psikologia tre komplikita, kie lernejo, por esti elemento de socia ekvilibro, devas *eviti* la elradikiĝon, tie ne sufiĉas krei islaman instruadon.

En Egiptujo, la instruado estas fondita je samaj principoj, kiel en Maroko : la diversa tipo de lernejoj. La rezultatoj ne estas pli bonaj ol en Maroko.

La lastaj statistikoj montras, ke ekzistas 90 % da analfabetoj. Oni devas serĉi la kialon en la granda mizero de fellah (vilaĝano) agipta, en la ofteco de malsanoj de : haŭto, okuloj, intestoj ; en la ne sufiĉa nutrado, en peniga laboro, kiu donas la kulturado de kotono, kaj kiu postulas multe da laboristoj. Konsekvence, infano laboras surkampe pli ofte ol en lernejo.

Se infano vizitas lernejon, malbone nutrita, ĝi ne povas efike lerni. Kaj

malmute da lernejoj posedas kantinojn, malmulte da kantinoj estas senpagaj.

Fine, instruado en Egiptujo, estas pli ĝuste instruado de « kadroj », instruado de preskaŭ de kastoj, kiu per gimnazio, kaj Universistato garantias al riĉaj posedantoj, al la beletristike klera burĝaro, ilian rango-superecon socian, super la amaso, popolo, kiun ankoraŭ ne tuŝis profundaj reformoj.

## NURA ARABA INSTRUADO ?

La fervoruloj de instruado ĉiam konsideris la ekonomian kaj socian situacion de la lando. Estas do certe, ke je tiu vidpunkto Maroko nenion devus envii al Egiptujo.

Jen kial sendube, marokaj naciistoj, kritikas tiel forte oficialan instruadon france-islaman.

Aŭ eble, ilia malpacienco, manifestiĝas speciale por povi akiri kaj realigi sian projekton, krei kompletan araban instruadon, sankciitan je la fino de elementa lernado per atesto pri arabaj studoj, kaj je la fino de instruado en gimnazio, per abiturienta diplomo araba, kiu estus egala al franca « bachot » (baccalauréat - abiturienta ekzamena-diplomo).

Ili protestas ankaŭ kontraŭ la ekzamenoj bazitaj je neceso scipovi la francan lingvon.

Oni komprenas la alligitecon de Marokanoj al araba lingvo, la lingvo literatura kaj deziron konsakri duonon da iliaj studoj al tiu lingvo ; sed ĉu oni povas ĝin utiligi anstataŭ franca lingvo, kiel ilon pri ĝeneralaj sciencoj ? Kiamaniere fondi instruadon en elementaj lernejoj je la bazo de lokaj dialektoj, tiel oftaj en kelkaj regionoj de Maroko ?

Dume, kio koncernas abiturientan ekzamenon, la loka lingvo kondukus la eliton de tiu lando en senelirejon ; eliton, kiu meritus estis allogita de Supera Instruo : universitato, altlernejoj, esplor-laborejoj. Oni ne forgesu, ke en la vasta mondo, multe da eksterlandaj studentoj preferas francajn verkojn por iliaj studoj.

La tri liceoj islamaj en Rabat, Fès kaj Marrakech, posedas ĉ. 1.800 da lernantoj ĉiujare kaj 550 da junuloj marokaj vizitadas eŭropajn liceojn. Junaj marokanoj, scias, ke tio estas la unua ŝtupo al moderna kariero kaj al okcidenta kulturo. Tial la modernaj sekcioj de islamaj liceoj allogas ilin, same kiel eŭropaj liceoj, malprofite al tradiciaj sekcioj, kiuj anstataŭ al abiturienta ekzameno, kondukas ilin je diplomo de dua-gradaj islamaj studoj.

La kaŭzo estas, ke en la tradiciaj sekcioj de iliaj kolegioj, la malfacilaĵoj montriĝas pro akordigo de du kulturoj, araba kaj okcidenta, timante ne troe superŝarĝi la lernejan programon.

Bedaŭrinde, la nombro de lernantoj en la modernaj sekcioj kaj en eŭropaj liceoj, ne estas alta, speciale en klasoj proksimaj al finstudo : estas tre malmulte da kandidatoj por abiturienta ekzameno, malpli ankoraŭ da tiuj, kiuj dezirus sekvi la profesion de kuracistoj, arĥitektoj, inĝenieroj, agronomistoj, kiujn la moderna Maroko bezonus ; inter tiuj junuloj, kiuj tamen havas la atenton direktitan al Egiptujo.

Ĉu eble la kaŭzo estas, ke en tradicia Maroko, la tekniko estis ĉiam iom malestimata ?

Mi faris al mi tiun demandon, reirante al la urbo laŭlonge de remparo BAB-FTUH. Kaj jen rapidege preterkuras « jeep » grize-blua, gvidata de burĝo fesa... lia ĝilabo (araba mantelo) plenblovita per la vento...

---

MAROKA KRONIKO

CASABLANCA. La Esperanto-Kursoj regule okazas laŭ antaŭaj sciigoj. En la taggazeto « *Le Petit Marocain* » aperas de tempo al tempo artikoletoj pri Esperanto.

MARRAKECH. La unua-grada kurso, atingis jam sian 15-an lecionon. Gi estas publika kurso. La 2-a unuagrada kurso en Laborborso atingis jam sian 7-an lecionon. La dua-grada kurso estas gvidata laŭ Szilagyi-metodo.

Laste, s-ro Ohayon malfermis E.-kurson por skoltoj, el kiuj, kelkaj intencas viziti jamboreon en Francujo.

La 4-an de majo, je la 10 h. en la klubejo de loka sekcio de M.E.A. okazis Jar-kunveno laŭ la tagordo : 1) Raportoj morala kaj financa ; 2) elekto de nova estraro ; 3) diversaĵoj. En la nova estraro ; de marakeŝa sekcio

Prezidanto : B.S. Ohana
Vic-prez. F-ino Z. Coriat
Sekretario : Henry Assouline
Vic-sekr. : F-ino Suzanne Ouazana
Kasisto : Henry Ohayon
Anstataŭantino : F-ino F. Benaim
Bibliotekisto Paul Cellier
Anstatŭantino F-ino Anna Moryoussef
Kunsidanto F-ino Yvonne Levy

# DE SUPRO MINARETA

Aktualaĵoj

KAJRO. La Generala sekretario de ARABA LIGO, rekomendis al ĉiuj arabaj landoj, krei konsulejojn en Nord-Afrikaj landoj. Li precizigas, ke landoj, kiuj pro financaj malfacilaĵoj, ne povus krei konsulaton, devas elekti honoran konsulon, inter la loĝantoj, de ĉiuj lando.

Por plenumi tiun decidon, Egiptujo, decidis malfermi konsulejon en Kazablanka. Egipta konsulo, reprezentos provizore, ĉiujn landojn de Araba Ligo, atendante la kreon de aliaj konsulejoj.

KAJRO. La registraro egipta, decidis elekti reprezentantojn komercajn, por ĉiuj ambasadorejoj egiptaj en eksterlando.

KAJRO. Laŭ la statistiko fiksita je la fino de Marto 1947, la brutaro en Egiptujo, konsistas el
3.000.000 da ŝafoj ; 1.600.000 da bubaloj ; 1. 250.000 da bovinoj ; 2.134.000 da ĉevaloj ; 70.000 da kameloj ; 25.000 da muloj ; 20.000 da kortobirdoj.

S-ino A. Kandalaft-Cosma, delegitino de Sirio je la Komisiono pri kondiĉojn de virino al O.N.U., estas nomita membro de la siria *delegacio*, je la ekstraordinara kunsida periodo de O.N.U. Estas la unua virino araba, kiu apartenas al delegacio je Generala Kunveno de O.N.U.

DAMAS. La virinaj organizaĵoj prezentis al Registaro siria petskribon, petante favordonon al la virino, ĉiujn rajtojn, kiun posedas viro

CASABLANCA. Depost la milito, kreiĝis grava industrio en Maroko : fabrikado de ĉiuspecaj varoj kiel ŝuoj, ŝtofo, mansakoj, konfekcio ktp. Oni elterigas ankaŭ fosfaton, feron, plumbon kaj petrolon.

CASABLANCA. Pro grava loĝejkrizo, oni konstruas en Maroko, dometojn el speciala materialo dum kelkaj tagoj. Ofte okazas, ke tutaj familioj estas devigataj loĝi en unu hotelĉambro. Multaj personoj, kiuj deziris elekti Marokon, kaj definitive forlasis Francujon, nun revenas al Francujo, pro manko de loĝejoj.

CASABLANCA. Inter aliaj industrioj, oni kreis ankaŭ filmfarejojn, kiuj produktas filmojn je maroka temo. La artistoj estas de Algeria deveno. Ĉefa artisto estas Mohamed el Kamal. La fama tunizia dancistino *Badiaa'*, ankaŭ kunludas al tiuj filmoj. La teknikistoj estas eŭropanoj. La nova filmo nomigas « Serenado al Méryem ».

ALGERO. Antaŭ kelka tempo, oni kreis tie, arablingvan teatron. La direktoro estas M. Abdessamed, profesoro de araba lingvo.

La celo de tiu teatro estas : fortiri la islaman teatron el ĝisnuna senmoveco ;

produkti programojn, instruajn, moral-familiajn, por interesigi la amason islamanan de Alĝerio ;

helpi per la propagando digna de islama religio, la islaman virinan emancipadon ;

CASABLANCA. La Kongreso de instruista federacio en Maroko, difinis la pricipojn de la reformacio de maroka lernejo. Jen la ĉefaj principoj :

Elementa instruado deviga por islamanoj de du seksoj ;

Senpaga instruado en publikaj lernejoj ;

Unuecigo de instruado elementa en ĉiuj regionoj de Maroko ;

Libereco por ĉiuj marokanoj, eniro al ĉiuj publikaj lernejoj ;

La Kongreso prononcis sin por maroka karaktero de instruado ;

Oni esperas la kreadon de elementaj lernejoj arablingvaj kaj francaj. En unuaj, la horoj destinitaj por intruado de araba lingvo devus esti duobligitaj, kompare kun franca lingvo-instruo. En dua kazo, estos la kontraŭo. La programo en nune ekzistantaj lernejoj, ne estos ŝanĝita.

Estos la moderna araba lingvo, kiun oni instruos ; tamen la dialekta araba lingvo, estos enkondukata ĉiufoje kiam tio estos necesa en la unuajn klasojn.

La kongresanoj, akceptas la neceson de kreado de liberaj lernejoj. Tiuj lernejoj partoprenas efike, je la batalo kontraŭ la analfabetismo. Ili estos kontrolataj de la administacio maroka, pedagoge kaj higene.

Tiu situacio, kiu repondas je aktuala stato, ne malebligas je estontecokiam oficiale kreitaj lernejoj estos sufiĉe kreitaj -unuigi la instruadon, sub la gvido de demokrata ŝtato.

Oni proponis ankaŭ fondi pedagogiajn centrojn en Casablanca, Rabat, Fés, Meknes, Ujda kaj Marrakech kaj krei superan lernejon en Maroko.

Oni konstatis ankaŭ, ke en la 15 miliarda budĝeto, 85 milionojn nur estas uzataj por islama instruado, t. e. o. 6 % de la budĝeto. Tiu ĉi jare, oni decidis pri escepta kredito de 220 milionoj por la fondo de islamaj lernejoj, sed tio estas nesufiĉa.

traduk. el « Petit Marocain »

# RECENZO

(Ni recenzas duoble ricevitajn librojn, unuoble ricevitajn, ni mencias).

POVO SUKCESI : Henri Thomas Hamblin el angla tradukis : F. W. Hipsley, Prezo : 4 int. resp. kuponoj. Eldonis : F. W. Hipsley, Birmingham. 28. paĝoj. broŝ.

LA SPIRITA ĈARTO DE L'HOMARO. Eldonis Tutmonda Spirita Kongreso en Bruselo. 6 hektografitaj paĝoj.

PREMIAJ ROMANETOJ. Eldonis : Esperanto-Publishing Co Ltd. 96 paĝoj. broŝ. 2ŝ. 6p. Tiu lasta eldonaĵo de E.P.C. estas, verketo konsistanta el pli ol 20 rakontoj de diversaj aŭtoroj, originale verkitaj, okaze de organizata konkurso de supre nomita eldonejo. La rakontoj estas tiom diversaj, kiom multnombraj estas la aŭtoroj. La temoj estas ĝenerale interesaj. Ni trovis multe da vortoj ne troviĝantaj en Plena Vortaro : kiel : gvardrelo, braso, k. a. La libreto pro siaj mallongaj ĉapitroj taŭgas kiel interesa legolibreto dum daŭrigaj kursoj.

if.

ANTONIO kaj KLEOPATRO : de Ŝekspir. Tradukis S.A. Andrew. Eldonis : The Esperanto Publishing CO. Ltd. 90 paĝoj : Prezo : 2ŝ. 6p. S-ro Andrew estas sperta tradukanto, kaj E.-literaturo posedas jam aliajn verkojn de li tradukitaj. Por angla-lingvanoj tiu verko servis kiel lingvostudo, per komparo de originala verko kun tradukaĵo. La traduko estas proza kaj tio certe pliklarigas la tekston. Ni konsilas al niaj legantoj, tralegi tiun verketon, ĉar ili ĝuos denove la genion de Ŝekspir.

if.

KUPONO N° 4 por
II-a *ENIGMO-KONKURSO*

# POR KOMENCANTOJ

Abdallah la sur-tera kaj Abdallah la en-mara.
(Fabelo eltirita el « Mil kaj unu noktoj ») tradukis Prof. L. A.
(daŭrigo)

Abdallah prenis la panon kaj monon kaj gaje foriris. Li aĉetis kion li povis. Poste li eniris hejmon kaj vidis sian edzinon sidantan, zorgante pri siaj infanoj, ĉar ili ploris pro malsato. Si diris al ili : « En ĉi tiu momento via patro alvenas kaj alportas al vi ion por manĝi ». Tiam li eniris kaj metis panon antaŭ ili, kaj ili manĝis. Abdallah rakontis al sia edzino la okazaĵon kiu al li okazis. Respondis la ino « Allah estas malavarega ».

La sekvantan tagon, Abdallah prenis sian fiŝreton, eliris el sia domo kaj diris : « Ho, mia Sinjoro ! mi vin petas, donu al mi en tiuĉi tago ion, kio blankiĝos mian vizaĝon antaŭ la panisto ! ». Kiam li alvenis al la marbordo, li enjetis sian fiŝreton kaj eltiris ĝin, sed li kaptis nenion, sed li ne ĉesis ripetadi la faron, ĝis la fino de la vespero. Tre malĝoja li revenis.

Sed la sola vojo, kiu kondukis lin al lia domo, nepre devigi lin preterpaŝi la panbakejon. Li diris al si mem « Kien iri ? Kion fari por reiri hejmen ?... Mi rapidigos miajn paŝojn, por ke la panisto ne vidu min ».

Do, li rapide pasis antaŭ la panejo, kies klientoj estis multnombraj.

Sed la panisto rimarkis lin kaj ekkriis :

« Ho, fiŝkaptisto ! Prenu viajn panon kaj monon ! Vi tion forgesis ».

« Per Allah ! « respondis Abdallah, mi ne forgesis, sed mi nur hontis antaŭ vi, ĉar mi ne fiŝkaptis eĉ unu fiŝeton, en tiu ĉi tago ».

« Ne hontu ! Ĉu mi jam ne diris al vi « Laŭ via plaĉo, ĝis kiam mono venos al vi ? ».

Kaj li donis panon kaj monon al Abdallah.

Kaj tiel statis la afero dum kvardek tagoj : ĉiun tagon Abdallah iradis al la marbordo de la sunleviĝo ĝis la sun-subiro, li revenadis hejmen sen fiŝo kaj prenadis la monon kaj panon de la panbakisto, kiu ne parolis al li pri fiŝoj kaj ne malzorgis lin, malgraŭ la amaso de klientoj, kaj tute ne malplaĉis al li la dono de la ĉiutagaj dek groŝoj kaj pano.

Kaj ĉiufoje, kiam Abdallah diradis al li : « Ho, mia frato ! Faru do la kalkulon », la panisto respondadis « Ĝis kiam venos al vi mono, tiam ni faros la kalkulon ».

Kaj Abdallah foriradis, dankante la paniston kaj alvokante la dian favoron sur lin.

La kvardek-unuan tagon Abdallah diris al sia edzino : « Mi volas dispeci tiun fiŝreton kaj min liberigi de ĉi tiu vivo. » — « Kial ? » ŝi demandis.

« Kvazaŭ mia vivrimedo estas fortranĉita de la maro. Ĝis kiam daŭros tia stato ? Per Allah ! mi fandiĝas pro honto antaŭ la panisto. Mi ne volas plu iri al la maro, por ke mi ne estu plu devigata preterpasi la panbakejon.. ĉar ĉiufoje li vokas min kaj donas al mi panon kaj monon. Ĝis kiam mi dronos en ŝuldojn ? »

« Laŭdata estu Allah, kiu moligis la koron de la panisto, kiu donas al vi la panon ! Diru do al mi, kion vi abomenas en tiu ĉi agmaniero ? »

« Mi ŝuldas al li grandegan sumon da mono. Kaj li nepre postulos ĝin de mi. »

« Ĉu li ofendis vin per vortoj ? »

« Li ne volas fari la kalkulon kaj ĉiam diradas al mi « Ĝis kiam mono venos al vi. »

Kiam li postulos, kion vi ŝuldas al li, diru do al li « ĝis kiam venos la mono, kun vi kaj mi deziras ».

« Vi pravas ».

Poste li prenis sian fiŝreton kaj direktiĝis al la maro, dirante « Ho, mia Sinjoro ! donu al mi eĉ nur unu fiŝon, por ke mi oferu ĝin al la panisto ! »

Kaj li jetis la fiŝreton en la maron laŭ sia kutimo. Poste li ektiris ĝin kaj konstatis, ke ĝi estas peza. Li multe penis ĝis kiam li fariĝis tre laca. Fine li sukcesis eltiri ĝin... kaj en ĝi troviĝis mortinta ŝvelinta azeno. Kaj ĝia fetora odoro naŭzis lin.

Li liberigis la fiŝreton kaj diris « Nek forto, nek potenco ekzistas, krom ĉe Allah, la altega, la grandega ! »

Mi laciĝis dirante al tiu virino « Mia vivo-pano estas fortranĉita de la maro. Lasu min rezigni tiun metion ».

Sed ŝi ĉiam diradas al mi « Allah estas malavarega ! Baldaŭ bonaĵo venos al vi ».

« Ĉu tiu mortinta azeno estas bonaĵo ? »

« Granda malĝojo plenigis lian koron. Li iris al alia loko por malproksimiĝi for de la azenodoro.

(daŭrigota)

---



*NIA PRESISTO ne atendante nian konsenton* pri « preta por presado », tute simple post unua korekto, presigis la revuon, kaj dissendis al niaj abonantoj Sekvo estas malagrabla, ĉar la 2-3 N° j enhavas preserarojn, kiujn bv. korekti vi mem kara leganto, kaj jen ili Kovrilo devas esti *aperas* ; *kaj ne* asperas :

23 paĝo, 2 linio ĉiuj (kaj ne ciu).
23 paĝo, 28 linio : *samideanojn.*
24 paĝo, 8 linio 25 paĝo, (k. ne 24).
29 paĝo, 34 linio Kontraŭo (Kontrŭo).
29 paĝo, 47 linio KUPONO (Kurono).
30 paĝo, mankas tuta linio inter HISPANUJO kaj IRLANDO, devas esti : Hungarujo, (transsendu la monon al : ) Bleier Bela, Budapest, ĉekkonto N° 4014, Rökk Szilârd Str. 28.
36 paĝo, 21 linio ĝermoj (ĝemoj).
36 paĝo, 25 linio : idealismo.
37 paĝo, 29 linio okaziĝi (okaziĝos).
37 paĝo, 30 linio bonvolos (bonvolus).
37 paĝo, 31 linio forstreki o! ».
37 paĝo, 32 linio sukcesu (sukcesos).
37 paĝo, 37 linio montara (montaro).
39 paĝo, 6 linio *multaj malnovaj abonantoj reabonis.*
39 paĝo, 42 linio aŭtorojn, verkistojn, poetojn.
39 paĝo, 48 linio : *ĉiuj.*
39 paĝo, 52 linio abonkotizo (*abonkotizo*).
39 paĝo, 58 linio 30 paĝo (29).
40 paĝo, 2-a kolono, 9 linio kutimoj.
40 paĝo, 43 linio Menciu (mensiu).

---

## INTERNACIA FOIRO

en Dancigo akceptis Esperanton, kiel korespondlingvon.

---

Dum tiu Foiro funkcios Esperanto-gvidanto kaj en foira akceptejo, oficos E.-interpretisto.

Marborda filio de A.E. en Polujo, aranĝas en la lasta tago de Foiro 9-10 aŭgusto, INTERNACIAN ESPERATOTAGON.

Eksterlandanoj-E.-istoj, kiuj revenante de Berna Kongreso, povus sian vojon tra Dancigo kaj Gdynia tratiri, aliĝu al Internacia Tago. Anoncu vin al Direkcio de Foiro, GDANSK, -Wrzeszcz, Centrala Rokossowskiego 27. Polujo.

(2-a ĝis 10 aŭgusto 1947 Foiro).

---

# NI DISTRU NIN !

ENIGMOKONKURSO

Patropreni povas, ĉiu, kiu atingos minimume 12 poentojn. Por la III-a E. K. ni alvokas ĉiujn al kunlaboro. Al tiuj, kies enigmoj estos presataj, ni alkalkulos taŭgan nombron da poentoj. La enigmoj devas esti skribataj (prefere skribmaŝine) nur sur unu paĝo. La solvo devas esti kunligita.

STATO DE LA KONKURSO

*S-ro* Brunet, Ohana, Delgado, kaj F-ino Leal po 8 poentoj.

S-roj Garcia, Davis, Stotz, Ciperova po 6 poentoj.

S-ro Dahl, **Jerâbek** kaj **F-ino** Kes **po** 3 poentoj.

S-ro Bachofner 2 poentoj.

SOLVO *de enigmo* n° 2. Anonco — Fink — Ringo — Ikaro — Kudrilo — Argumento — Rabotisto — Ermito — Vivo — Urugvaj — Oriento. — Tutaĵo : *Afrika Revuo.*

SOLVO *de enigmo* no 3. Inĝeniero — Leterportisto — Aŭtoro.

ENIGMO N° 5 *sendis : Buenhis* .

| DOMO | | | | RATO | | | | HOMO |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|

Transformu la vorton « *Domo* » trans la vorto « *Rato* » en la vorton « *HOMO* ». Sur ĉiu interŝtupo, oni rajtas ŝanĝi nur unu literon. *Por la solvo de* tiu enigmo ni kalkulas I poenton.

ENIGMO N° 6 (*komponis : Ruffier*)

*Legu tion :*

2-3-4 vendistoj.

Por solvo de tiu enigmo ni kalkulas 2 p.

Solvojn bv. sendi ĝis 31 oktobro 1947 (poŝta stampo).

GRAVA ALVOKO

SAMIDEANOJ, skribu al Tlemcena iniciativa sindikato, petante sciigojn pri turismo.

Vi praktike propagandos por Esperanto.

ADRESO : Syndicat d'Initiative Esplanade du Mechouar TLEMCEN (Alĝerio) Afriko.

(*Kompreneble, ne menciu, ke oni instigis vin*).

F. Jelenc

LISTO de SUBTENANTOJ
« *Por ke A.R. vivu kaj kresku* »

| | |
|---|---|
| Anonimulo el Meknes | 400. |
| S-ro Jelenc, Tlemcen | 78. |
| S-ro Fricault | 50. |
| F-ino Kesler | 22. |
| S-ro Verier | 10. |

AL ĉiuj, redakcio kore dankas.

# RIDU !

Sendis : *B. S. Ohana*
*En la urbdomo*

*Oficisto* : Kiel vi prenomis vian novnaskiton ?

*Patro* : Jozefo.

*Oficisto* : Kiam li naskiĝis

*Patro* : Antaŭ tri tagoj, t. e. la...

*Distrite la oficisto daŭrigas siajn demandojn* : Kaj lia profesio ?

La Patro : ! ! ! ?

GRAVA NUANCO

La kuracisto provas trankviligi sian klienton : « Ne timu, mi ankaŭ, antaŭ tri jaroj, havis saman malsanon, kaj fine resaniĝis.

*Malsanulo* : Tion mi volonte kredas, sed vi ja ne estis flegata de la sama kuracisto !

---

*Pastoro Severe al amiko :* Multfoje kaj laŭte mi alvokis vin, kiam vi estis eniranta kafejon hieraŭ vespere. Ĉu vi malgraŭ tio ne aŭdis min.

— Jes, ja, *respondis la amiko.*

? ? ?

— Mi ne havis sufiĉe da mono por pagi du glasojn.

INTER FRENEZULOJ

— Dormante, ĉu vi ronkas ?

— Kompreneble ! Tion mi faras tiel, ke mi vekiĝas pro mia propra ronkado.

— Same kiel mi, sed mi jus elpensis iun rimedon por kontraŭstari tion.

— ? ? ?

— Por ne esti vekata per mia propra ronkado, mi ne plu kuŝas en mia dormoĉambro, sed en la apuda.

---

PAROLAS LA *LEGANTO*

«... Goje mi sciigas vin, ke mi ricevis vian revuon, kiu tre plaĉas al mi. Nur unu afero ne plaĉas al mi... ke ĝi estas la sola en la granda kontinento kiel Afriko, ĉar mi dezirus, ke tie troviĝu multe da esp-istoj, kaj ke nia ideo disvastiĝu tra la tuta Afriko. Mi uzis unu el Viaj artikoloj ; por unu el niaj ĉeĥaj gazetoj, al kiu mi kunlaboras, kaj kiu estas favora al E. *Dezirante* bonegan sukceson al via laboro, kun koraj salutoj.

*St. Jerâbek, Ĉeĥoslovakujo.*

# KORESPONDU !

*Publikigo de anonco pri korespondo*, kostas 3 internaciajn poŝtajn respondkuponojn por du-linia anonceto, ĉiu plia linio : 1 intern. poŝta respondkupono. *POR ABONANTOJ, la publikigo de la anonceto pri korespondo estas senpaga.*

MALLONGIGOJ dez. deziras. F-ino Fraŭlino, interŝ. : interŝanĝas ; kĉl. kun ĉiuj landoj. pĉt. : pri ĉiuj temoj ; PI. poŝtkarto ilustrita. PM. poŝtmarkoj. S-ino sinjorino ; s-ro sinjoro D-ro : doktoro prof. profesoro. s-ano : samideano.

— ESPERANTO-KLUBO en Somero, Finnlando, dez. korespondamikojn el ekstereŭropaj landoj, Anoj estas 11-40 jaraĝaj.

— JUNA ĈEKOSLOVAKO dez. kor. pĉt. Stefan Vareña, Ostrava Vitkovice, Pohranicnâ 33.

— S-ro J. Kejzar, LIPA ĉ. 7 p. Vŝestary, oh. Hradec KRALOVE, Ĉeĥoslovakujo, interŝ. IP.

— 20-jara ofiscisto en Ĉeĥoslovakujo, Dalibor Veverk, BRNO, Merhautova 146, dez. interŝ. IP. kaj gazetoj kun Afrikanoj.

— D-ro Borja Portela, PEDRA-AZUL (ex-Fortaleza) MINAS-GERAIS, Brazilo; interŝ. PM. memoraj, aeraj, ne-uzitaj.

— JUNA KNABO dez. kor. kun afrikanoj samaĝaj kaj interŝ. PM. : Stojan Manolov, Dragan Cankov 9, SLIVEN BULGARUJO.

— S-ro Personne-90. Avenue Pierre Sémard. LA VARENNE St.-HILAIRE (Seine) FRANCUJO, dez. kor. pri scienca astrologio.

— ESPERANTO-GRUPO dez. kor. kĉl. 18-40 jaraj. Respondo garantiata. Skribu al S-ino Nieuwland-Langendoen ROC. KANJE, Duinstraat 3. NEDERLANDO.

a) MAROKO, Marrakech. F-ino M. Guenoun, sekretariino, 35, rue Corcos ,dez. kor. kĉl. pĉt.

b) F-ino Camille Obadia, 1, rue Affir, M-ch dez. kor. kĉl. pĉt.

c) S-ro Henry Assoluine, Etlimar S. A., Rue du Dr Linarès, Marrakech, dez. kor. nur kunE.-skoltoj, kiuj intencas, kiel li ĉeesti jamboreon. (Skoltestro).

ALĜERIO. TLEMCEN. S-ro F. Jelenc, profesoro, rue Eŭgène Etienne, Maison Colin. NATURALISTOJ kaj NATURAMIKOJ, mi studas la briofitojn (muskojn kaj hepatikoj) kaj deziras specojn el Nord-Afriko kaj el tuta mondo. Ĉu vi bv. rikolti tiujn kreskaĵojn por mi ? Por ĉiu speco, mi bezonas la ŝekvantajn sciigojn. Dato de rikolto, nomo de la geografia regiono kaj de la najbara urbo aŭ vilaĝo, proksimuma alteco, tipo de la loko (arbaro, roko, marĉo...) La sendo ne bezonas specialan pakadon (sed la muskoj estu sekaj pro la daŭro de la vojaĝo). Mi repagos la sendkoston aŭ dankos per PK. insektoj aŭ plantoj. (mi ne estas filatelisto).



MAROKO. Marrakech 3 rue Bel Bali. F-ino Yvonne Levy, dez. kor. kĉl. pĉt.

ITALUJO. Inĝ. Mario Simondetti, via Staurenghi 24 VARESE, dez. interŝ. PM. kĉl.

*Ĉeĥoslovakujo.* Jan Volânsky, Lukavica. ĉ. d. 31 p.p. Bardejov, dez. kor. kun s-ino en Maroko ; estas komencanto.

*Grava Noto !*

*(Skribante al tiu el supraj adresoj, ne forgesu mencii, ke ĝin vi trovis en AFRIKA REVUO).*

## NIA ENKETO

Nia Enketo, multe priokupas la leganton. La sugestoj vere pluvas sur nin.

Estas tamen multaj, kiuj malkomprenis nian intencon ne estas nia intenco, peti leganton komenti niajn artikolojn kaj trovi preserarojn (volonte, sed ne en la kadroj de la ENKETO) sed... doni al ni bonajn sugestojn, por povi plibonigi kaj plivigligi la enhavon.

S-ro *Jelenc*, el Tlemcen (Alĝerio) skribas « A.R. estu revuo de *Afriko*. Tiamaniere ĝi vekos intereson de multaj s-anoj, kiuj ofte ekkrias *ankoraŭ nova revuo*. Fa artikoloj : 5 monatoj ĉe Pigmeoj, Maroka Domo, Etnografio... estas tre taŭgaj, sed ne tiuj, kiujn oni legis en multaj revuoj (Letero el Singaporo, ekz.). (Por klarigi la aferon, ni preferas tuj respondi al s-ro J. :) « Vi pravus, se ni aperigus samajn literaturojn, poezion ktp.

kion en aliaj gazetoj povas legi nia abonanto, sed ni devas fari escepton por informoj de ĝenerala intereso movado en aliaj landoj t.e. sciigoj pri gravaj E.-novaĵoj ; Kongresoj, radio-programoj. Ni ja posedas legantojn (dekojn kaj dekojn) kiuj abonas nur nian gazeton. Ĉiuokaze ni antaŭdankas por via promeso kunlabori, jen kion ni deziras por nia revuo, ke ĉiuj afrikaj samideanoj aktive kunlaboru al *nia* Revuo.

Car ĉiuj aliaj respondoj kaj sugestoj ripetiĝas, per tiu artikoleto, ni finas la ENKETON kaj dankas al ĉiuj por ilia bonvola sugestado.

Red.

AUSTRUJO. S-ro Gabriel Katzianka, Wien, IX., Rossauer Lände 27. dez. kor. k. interŝ. PM. k. IP. kĉl. Skribu amase, certe, respondos.

Langres. — Imp. Moderne
3e trimestre 1947

f) nia revuo aperas jam 3-an jaron.